Jaro XVI Majo/Augusto 1933 No. 2—3

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V.L.E.)

# VEGETARANO

Dumonata bulteno por vegetarismo kaj parenccelaj ideoj

Adreso I. Ionescu-Capatzana, Bukureŝto V, Str. Dr. Istrate, 10, Rumanujo — Telefono 3-36-40

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Argentino** (Pes. pap.): S-ro Pascual Bosso, Strato Lisboa 2940 (Parque Chas). Buenos Aires.
**Belgujo** (B 4.-) S-no Yvonne Colijn Schoolsstraat 21, Nieuwpoort.
**Bulgarujo** (Levoj 50. - ) : S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.
**Ĉeĥoslovakujo** (kč. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.
**Danujo** (dkr. 4.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.
**Estonujo** (Ekr. 3.—): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Talino.
**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 105 Rue du Faubourg St.-Denis, Parizo X, Poŝtkonto Parizo 257-77.
**Germanujo** (RM. 3.—): S-ro Oscar Bünemann, Hamburgo 24. Papenhuderstr. 32, III. Poŝtkonto „Hmb 318-83".
**Grandbritujo** (ŝ. 4/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno" 19 Lichfield Avenue, Lower Morden, Surrey, Anglujo.
**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, Tököly-út 85, II/6 Budapesto VII.
**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Julio Bejzots, Aspazia-Bulv. 9, loĝ. 3, Rigo.
**Litovujo** (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus. III. Gimnazija, Maironio 12, Kaŭno.
**Nederlando** (fl. 2.—: S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago, poŝtkonto 52 008.
**Polujo** (zl. 8.-): S-ro Chajm Kuŝnir, Ul Orwida 5. Wolomin powiat Radzyminski.
**Rumanujo** (100.— leoj): I. Ionescu-Capatzana, Str. Dr. Istrate Nr. 10, Bucureşti V.
**Sovjetunio** (R. 1 50): U. U. Zajcev, Moskvo 66, Lefortovskij per. 7a. kv.
**Svedujo** (Sv. Kr. 5.—): Sven Edenby, Gefle 2.
**Svisujo** (sfr. 4.—): S-ro Paul Enz, Marchwarstrasse 48. Zürich 2, poŝtkonto VIII/17062.
**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 124 King Street, Madison, Wis.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj. La „Vegetarano" aperas dumonate do sesfoje en la jaro.

Le celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, gi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune **I. Ionescu-Capatzana. Bukuresta, V. Str. Dr. Istrate 10, Telef. 3-36-40, Rumanujo.** Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parenccelaj eldonaĵoj.

## Nova Periodo.

Nia lasta bulteno enhavis, pro la 25-jara ekzisto de nia organizo, raporton pri ĝia historio. Nun, pro cirkonstancoj jam konataj de la legantoj kaj klarigitaj en antaŭaj numeroj de nia bulteno, ni transiras en novan periodon.

Samideano Ion Ionescu-Capatzana, kiu jam redaktas la rumanan vegetaran revuon „Vegetarismul" kaj montris per ĝia enhavo, ke la ideoj indikitaj sur ĉiu titolpaĝo de nia bulteno estas la kerno ankaŭ de lia agado, deklaris sin preta, daŭrigi mian laboron. Mi dankas lin pro tio kaj petas ĉiujn liganojn kaj legantojn de nia bulteno, ke ili montru al la nova redaktanto kaj administranto fidon kaj restu fidelaj al nia entrepreno.

Nia *Vegetara Ligo Esperantista* estas unu el la malgrandaj organizaĵoj inter esperantistoj; sed ĝi estas unu el la malmultaj fakaj organizoj, kiuj daŭris dum krizaj tempoj kaj havas la saman aĝon kiel, ekzemple, la UEA. La „du verdaj aferoj" kiel antaŭ multaj jaroj (en 1913) samideano Gill nomis Esperanton kaj Vegetarismon, montris, ke ili havas firman bazon kaj kompletigas sin reciproke per enhavo idea kaj praktika.

La bulteno „*Vegetarano*" ĉiam estis esprimilo de tiuj du idearoj, kaj estas nia komuna tasko subteni ĝin, por ke tiuj ideoj konstante havu sian esprimilon kaj kreu samideanaron ĉiam pli grandiĝantan.

Multaj estas la samideanoj, kiuj per donacoj kaj per kunlaborado helpis min konduki nian aferon dum multaj jaroj, kaj mi vere sentas embarason, por esprimi al ili tiun dankon, kiun ili meritas. Tiu konstanta apogo idea kaj materia estis por mi granda kontentiĝo, kaj se mi nun kun bedaŭro devas ĉesigi tiun ĉi agrablan personan kunlaboradon, mi havas tamen la konsolon, ke nia ligo kaj ĝia organo ankaŭ en estonteco ĉiam ligos nin ĉiujn. Akceptu do ĉiuj karaj gesamideanoj kun mia danko la esprimon de ĉiama kunligiteco kaj de neŝancelebla volo, plue stari en la servo al niaj ideoj.

Oscar Bünemann

**Grava!** Korespondaleterojn, kotizojn, gazetojn, bonvolu sendi al NOVA ADRESO!

# Vortoj de la nova redaktanto.

Antaŭ esprimi miajn pensojn, antaŭ montri kaj klarigi la programon de nova agado, mi dankas al samideano Oscar Bünemann pro la konfido montrata al mi, mi dankas pro la verko kiun li transdonis al mi kaj mi promesas al li, kiel ankaŭ al vi, karaj liganoj kaj legantoj, ke mi ne nur gvidos la organon kaj zorgos pri la bono de nia movado, sed mi zorgos pri ĝia ĉiama bono.

*

La 16an de Augusto nia Vegetara Ligo Esperantista pasas en la 25an jaron de kiam ĝi ekzistas, nia bulteno jam pasis en la XVIan jarekzistôn. Kompare kun la eterneco, vere, ke 25 aŭ 16 jaroj estas sensignifaĵo, sed kompare al la homkreitaĵoj ni devas esti fieraj pro tiel longa ekzistado.

Post 25 jaroj de konstanta ekzisto, pli ol ĉiam, nia ligo trapasas malfacilan periodon. La nuna situacio politika kaj ekonomia estas pli malordinara ol iam. La nuna tempo estas antaŭkomenco de nova epoko, epoko en kiu knediĝos la ĝermo de nova vivo, de pli justa socio kaj pli sentemaj homoj. Nuna epoko prezentas la saman gravecon, kiun prezentis la dummilita epoko. La dumilita epoko estis detrukarakteriza, la nuna estas konstrua. Kaj ĝuste pro la graveco de la momento ni devas resti ĉe nia posteno.

*Vegetarismo* kaj *Esperantismo* estas ĉefaĵoj inter la rimedoj plibonigontaj la homaron, certaj iloj kiuj peros la plibonigon.

La kreinto de Esperanto antaŭ ĉio celis la internan ideon, la praktikeco estu perilo al etikeco kaj ne kontraŭe. Dro Zamenhof per Esperanto celis al:

Sur neŭtrala lingva funadmento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento,
Unu grandan rondon familian.

Vegetarismo ne nur celas ke:

Nur grenoj, kaj nuksoj kaj ĉia fruktar',
Servadas por nia nutraĵo
Ne peltojn kaj plumojn de best' kaj birdar'
Ni uzas por nia vestaĵo.
Ni volas restadi ĉe monto kaj mar'
Kaj vivi en lumo kaj sano!

Sed per tio precipe:

Alporti feliĉon al nia fratar'
Jen celo de l'Vegetarano.

Vegetarismo kaj Esperantismo, jen du vere verdaj ideoj, ideoj indaj esti servataj kaj apogataj de ĉiu pensulo, de ĉiu, kiu pensas por la bono kaj la estonteco de la homaro. Kaj ĝuste pro tio mi prenas sur min la malfacilan taskon daŭrigi kaj gvidi la movadon kaj la bultenon, la unua komencita antaŭ 25 jaroj de mortinta samideano R. de Ladevèze kaj la dua komencita de samideano Oscar Bünemann antaŭ 19 jaroj (Julio 1914), en la jaro kiu alportis al homaro la neforgeseblan mondbuĉadon. Mi prenas sur min ĉi-tiun taskon, alportante al la homarprogreso ĉi-tiun malgrandan oferon.

Servi Esperantismon kaj Vegetarismon jen honorinda tasko; pere de Esperanto bataladi por kompreniĝo interpopola, pere de vegetarismo alporti la plimildigon de la homoj, la harmonion inter evoluinta homo kaj evoluonta besto. Jes honorinda, sed ne efika, tiel kiel ĝi estas nun farata.

La aperado de nia Bulteno 4 kaj eĉ nur 3 foje pojare estas tute neefika kaj ĝuste pro tio mi petas vin, karaj samcelantoj, kunigu viajn fortojn kun miaj kaj ni daŭrigu la bataladon multe pli efike.

Pagu vian kotizon kaj varbu novajn abonantojn, konigu celon nian, la Ligon kaj la Bultenon al viaj kunatuloj, por ke ni efike povu labori. La aperado de nia Bulteno devas esti minimume 6 foje pojare t. e. dumonate, la komencon mi faris, la daŭrigo dependas de kiel vi komprenos la taskon vian.

Jen nobela celo, konigi per Esperanto, vegetarismon, kaj per vegetarismo, Esperantismon. Per ambaŭ ideoj, ni paŝo post paŝo atingos la plimildigon de la homkaraktero, blibonigon de la rilatoj inter homoj kaj la ceteraj vivaĵoj, la konstruon de *perfekta socio* bazata sur *amo* kaj *neperforteco*.

Ni iru la vojon celitan!

**I. Ionescu-Capatzana**

---

**Bilanco de la**
**Internacia Vegetara Ligo Esperantista (V.L.E.)**
**je la 6a de julio 1933a.**

| Sumoj en germanaj markoj. | *Ŝuldo* | *Havo* |
|---|---|---|
| Saldo laŭ „Vegetarano" XVI/1 (deficito) | 59.32 | |
| kotizoj kaj donacoj . . . . | | 225.53 |
| preskostoj por la bulteno . . . | 87.10 | |
| afranko por la bulteno . . . | 23.46 | |
| ĝeneralaj spezoj . . . . . | 4.86 | |
| saldo (havo de la ligo) . . . | 50.79 | |
| | 225.53 | 225 53 |

Efektivaj kontoj:

| | | |
|---|---|---|
| Ŝuldo al la kasisto . . . . | | 14.87 |
| ŝuldo al la Internacia Vegetara Unio | | 4.86 |
| havoj ĉe landaj sekretarioj . . | 70.52 | |
| saldo (havo de la ligó) kiel ĉi-supre | | 50 79 |
| | 70.52 | 70.52 |

Mi faris kaj publikigis tiun ĉi billancon pro la transiro de la administrado en aliajn manojn. Pri detaloj povas ĉiun interesulon informi la nova kasisto, en kies manoj nun troviĝas la kontlibroj. Pro la bona ordo mi konstatas, ke la supreprezentitaj ciferoj akordiĝas kun la kontlibroj de nia ligo.

Oscar Bünemann, ĝisnuna kasisto.

Mi certigas la transprenon de la administrado en plena ordo.

I. Ionescu-Capatzana, nova kasisto.

# La vegetarismo en Bulgarujo.

*Ĉirkaŭirante la ĝardenon en kiu sin kaŝas la reĝa palaco el Sofio, mi trairas placon longan, ne havanta alian ornamon krom sia pavimo el flavaj fajrobrikoj, — sur kiuj ofte glitas la paŝo. Mi alvenas al anglamaniera herbetejo. Aerumita kvadrato, sur kies randoj alteniĝas novaj kaj malnovaj fasadoj. La arĥitektura aspekto estas neŭtra en la*



Palaco de la Bulgara Vegetarana Societo el Sofio

*rebriloj de la arta lumo. La militista kazino imitas miniature, mi ne scias kiun vintran palacon el la malnova Petersburgo. Proksime de ĝi, ĉe la komenco de la strato „6a de Septembro", — kiel kontraŭveneno kaj kiel kontraŭrespondo, — troviĝas la oranĝkolora sepetaĝa konstruaĵo de la Koopera Vegetara Asocio el Bulgarujo. Ke oni „trovis" 14 milionojn da levaoj por lokigi tie la plej grandan el 23 vegetaraj restoracioj el Sofio, la oficejojn de la Asocio, la redakcion de ĝiaj revuoj, ĉambrojn por kamaradoj kaj modernajn apartamentojn kies lupagoj amortizas la kapitalon, — tiu povas mirigi nur tiujn kiuj ne konas la dekoblan forton de la reciproka helpado, de la kooperado postulanta sindono por celo komuna. Mi eniras en la salonon de la restoracio. La teretaĝo plena, la balkonoj same. Troviĝas inter la manĝantoj, sufiĉe multaj kiuj konvertiĝis al vegetarismo nur post kiam ili malsaniĝis je podagro aŭ hepatŝtono! Sed oni diris al mi ke la plejparto de la vegetaranoj, — kiuj ne kutimas manĝi nur en la restoracioj, — estas penetritaj de moralaj aŭ religiaj kredoj, ne nur de nutradaj konvinkoj kiuj igas ilin malkapablaj maĉi bestan karnon. La direktoro de la ejo petas min esti la gasto de l'Asocio. Li tradukas por mi la menuon, — longa listo de manĝaĵoj kiujn mi devas rigardi en la telerojn, por ke mi konsciu pri la enhavo kaj la kuirmaniero. La kulinaraj nomoj de la viandomanĝantoj estas ideriĉaj; ili elvokas domajn anatomiojn, precizajn formojn de bestoj kaj birdoj. Sed la vegetaĵoj estas tiel multmaniere transformeblaj ke, se vi havas pretendeman stomakon, perverziĝinta pro festenoj, — oni povas servi ilin al vi ankaŭ kun rostaĵgusto, por ke vi alkutimiĝu poste al iliaj naturaj aromoj, al ilia saniga gusto, al iliaj vitaminoj, — ĉio ĉi tio kun tiu facila satiĝo kiu ne sangfluigas, kiu ne igas vin porke ŝtopi vian stomakon kaj verŝi konstante tra la gorĝo vinon kaj bieron neniam estingante la sojfon.*

*Tiuj kiuj kredas ke ili devas manĝi sakon da terpomoj por ricevi la ekivalenton rilate kaloriojn kaj salojn, de unu bova viandpeco rostita, bonvolu esplori la komparajn tabelojn. La vegetaĵoj, bone kombinitaj, donas en normalaj porcioj, ĉiujn elementojn („ternaraj" kaj „kvaternarajn") necesajn por nutri kaj varmigi la korpon, ne uzante ĝin per acidoj, per venenaĵoj kaj per lacegiga viandaĵa digesto.*

*Se vi volas ekscii ion pri la intelekta klareco, pri la laborpovo, pri la rezisto kontraŭ la laciĝo kaj eĉ la pri la anima stato de la acidlakto — kaj celeri — manĝanto, pri la ekvilibro inter spirito kaj korpo, kaj pri longvivado, bonvolu demandi tiujn trankvilajn tablanojn, kies figuroj estas ofte spirtiĝintaj kaj seniĝintaj de la pompa ritaro de l'Avido kaj Drinko.....*

*Kaj se vi deziras ankaŭ ekonomiajn argumentojn, faru vi mem vian kalkulon — (ĉar ĉi tie neniu suspektos ke vi ŝteletis bovidaĵon, kaj la humiliga serveco de la kelneroj estas forigita per rapida kaj kora servado) — kaj iru al la kaso pagi por tagmanĝo duonon aŭ eĉ trionon el tiom kiom*



Salono de la restoracio

*kostus la samo, en aliaj landoj, ĉe la plej „malmultekosta" kaj plej aĉa restoracio de viandmanĝantoj.*

*Estas vere ke la nutraĵoj estas havigitaj rekte de la kooperaj vegetaraj farmejoj. La spekulacianta peristo estas forigita ĉiam pli kaj pli el la vendejoj kaj eĉ el la magazenoj. Le prezoj proksimiĝas ĉiam pli al efektiva valoro de la produktaĵoj,* de la laboro.

*La kooperado de la produktantoj povas kontraŭrezisti la kapitalistan tiranecon, nur se ĝi estas vivigita ankaŭ de iu socia idealo.*

**Eugen Relgis**

# La konforma nutrado de la supera homo.

*„La ĉefaj organoj de l'homo pruvas per sia konstitucio, ke ĝia natura nutradmaniero devas konsisti el kreskaĵoj"*

Cuvier

Laŭ dentaro kaj intesto oni konstatas ke la prahomo sin nutris per fruktoj kaj diversaj kreskaĵoj. La nuna degenerstato de la homoj pruvas la malefikecon de moderna nutrado, konsistanta el tro da viando kaj se ekzistas iuj, kiuj ne tro ŝatas la viandon, ili ŝatas la artifikiĝon de la nutraĵo. La nuna mallongdaŭra vivado de la homo kaj la konstanta malsaniĝo lia estas pruvo pli, ke la reĝimo de l'homo vivanta en la XX-a jarcento estas erara.

Prijuĝante la fakton laŭ la harmonio kiu devus regi la rilatojn inter homarprogreso kaj individua vivo, ni venas al la konkludo, ke nuna nutrado estas nekonforma al la civilizacio kaj detrua por la fiziologia kaj animstato de l'tercivitano.

Oni krias, ke nuna epoko estas supera al la antaŭaj, ke la homo tendencas al kulturiĝo mensa kaj perfekteco fizika. Jes, oni krias, sed oni vivas ĝuste kontraŭe ol kiel oni devus. Kvankam, instinkte, la homido naskiĝas kapabla vivi harmonie kun la naturleĝoj, la antaŭjuĝo kaj la nescio de la gepatroj kaj pli poste de la instruantoj kaj ĉirkaŭantoj pereigas la instinktojn.

Oni eksprimentis per infaneto, hundo, kato kaj muso; la infano alkuris sian naturan manĝon: la fruktoj; la hundo alkuris viandon kaj la kato saltis disŝiri la muson. Sed la civilizita homo de la nuna epoko, tute ne volas ion scii pri la instinkto, li estas tro malnaturiĝinta, por ke li povu kompreni la neerarecon de la instinkto kaj ĝuste la nepovo kompreni aŭ eble nevolo, lin kondukos al terura pereo per malsano kaj fiziologiaj akcidentoj.

La fruktoj kompare al vegetaĵoj, estas tio, kio ŝajnas esti homo kompare al ankoraŭ neperfektiĝintaj bestoj. La fruktoj estas rezulta evoluo de la kreskaĵoj, la homo rezulta evoluo de la besta vivo.

Ni travivas decidajn momentojn por la estonteco de la homaro, nun ĝermas la deziro vivi alie ol ĝis nun. Same kiel la socio bezonas devojiĝon de la ĝisnuna politika kaj ekonomia leĝaro, kiu tute ne taŭgas al nuna teĥnika progreso, la homo kiu celas al perfekteco ĉiuvidpunkta, ankaŭ bezonas tutan ŝanĝon de la maniero vivi.

La homaro devas ekpaŝi vojon al perfektiĝo, ĉar perfektiĝo estas celo de la vivo. La naturo ne celas riĉigi mone la homon, ĝi celas perfektigi mense kaj fizike siajn kreitaĵojn. La naturo ne volas scii pri la altrangeco aŭ multmoneco de la individuo, ĝi respektas nur alkonformecon al ĝiaj leĝoj. Kaj ĝuste pro tio nova socio, perfekta kiel la naturo estas, ne ekzistos ĝis tiam, kiam la konsisteroj estos perfektaj. Socio en kiu regu amo kaj harmonio nur tiam ekzistos, kiam ĉiu homo kaj pere de li la ceteraj estaĵoj, vivos laŭ leĝoj de la naturo.

La homo estas tio, kion li manĝas; pruvas tion, la nuna degenerstato de la viandmanĝantoj, pruvas alkoolismo kaj tabakuzado kiu estas sekvo de nenatura vivado, la diversspecaj malsanoj, malbeleco de la korpo kaj la kruela kondutmaniero ilia, la granda milito kaj la sekvontaj militoj, kiuj daŭros ĝis kiam la homo ŝanĝos sian vivmanieron, pruvas tion la individua ĉiutaga krimo kontraŭ homfrato kaj bestoj, la revolucioj, k. t. p.

Sed, la plibeligo de la korpo, plimildigo de la karaktero kaj de la rilatoj inter besto kaj homo, la forigo de la malsanoj, plilongigo de la vivo, deziro bataladi per pacaj kaj amaj armiloj kontraŭ la tiraneco de la socio kaj de la homoj, estas pruvo ke nur la fruktoj estas taŭga manĝaĵo por la supera homo, ero konsistigonta la morgaŭan socion, bazonta sur perfektiĝo ĉiuvidpunkta.

Ionakap

---

## Esperantaj eldonaĵoj.

*La juna Batalanto,* pacifista, progresema organo de la Mondjunularo Katolika (Moka), ŝanĝis sian adreson. Notu do: D ro Wilhelm Solzbacher, 77 Montée de Pilate, Luxembourg-Eich, Luksemburgo.

*Esperanto-Lehrgang* (Esperanto-instrulibro), de Th. Kieseritzky kaj Frits Linden, eldonejo „Rapida Venko", Uppsala, Svedujo. Prezo Skr. 1,30 afrankite. Germanlingva.

*La Pirato,* kajeroj por satiro kaj bonhumoro. Adreso J. Solsona, 9 Rue Hallé, Parizo 14, Francujo, monata, jarabono ffr. 15 —

*La Liona Foiro* (adr: Foire de Lyon, Esperanto-Fako, Rue Ménestrier, Lyon, Francujo, uzas esperanton por sia propagando.

*Realigo de Norma Socio,* 9a volumeto en la kolekto „Evangelioj de Belismo" de Okamoto-Rikiĉi, adreso Arciŝinden, Niibaru-mura, Tuzuki-gun, Jokohamo, Japanujo. Prezo j. 0,25.

---

## Kvitancoj.

Daŭrigo d la kvitanco en „Veg." XVI/1, pago 6:

Koorn nfl. 3.—, v. Borrendam, Kool, de Haas, ĉiu nfl. 2.—, Gottgetreu gmk. 5.—, Rambousek kĉ. 100.—, Christaller gmk. 5.—, Dana Veg. Soc. dkr. 10.—, Schröder, Rye, Jensen, Fink-Jensen, Noll, ĉiu dkr. 4.—, Colijn gmk. 3.—, Létinois str. 4.—, Caubel, Cicquel, Lapiné, ĉiu ffr. 20.—, Pomona nfl. 5.—, Boeken, Schermerhoren, Zeeven-Alken, Ruitenberg, ĉiu nfl. 2.—, vidvino Hilda Lane ŝil. 20/—, Barrot pesoj arg. 5.—, Emil Mai R. M. 12.—, Petr Mitkov levoj 1000.- Edenly Sv. Kr. 5.- Pastro H. de Jonge nfl. 2.-

Al ĉiuj kotizintoj kaj donacintoj koran dankon!

---

# Eden.

Ĉu ni ne kortuŝiĝas legante la mirindan rakonton de Eden en Genezo 2a?

Tie ni legas pri la unuaj homoj, vivante en plena senkulpo: ili ambaŭ estis nudaj, la homo kaj lia edzino, kaj ili ne hontis. Laŭ la penso de la poeto malbono ne estis al ili konata: tiel ilin estis kreinta la Eternulo — en ilia koroj ne ankoraŭ vivis ia bezono je mortigo, ili manĝis de ĉiu arbo de la ĝardeno, kaj sentime renkontiĝis homo kaj besto. Tia tempo de supera feliĉo ankaŭ troviĝas en rakontoj de aliaj popoloj; certe ili parolas pri la malsato de homo je stato feliĉa, kiu iam ekzistis, sed kiu perdiĝis, neniam retrovota. Laŭ Kristana vidpunkto efektive Dio kreis sian kreitaĵon pura: tio ja ne povis esti alie. La peko estis la laboro de la serpento: de la diablo. Oni povas kontraŭdiri, ke, se Dio ne volis allasi la pekon, kial tamen ĝi venis? Certe li kreis la homon en tiu-ĉi mondo por ekkoni la diferencon inter bono kaj malbono, por malsati justecon.

Do — Justeco estis nur manĝi de la arbo, kaj NE la viandon de besto. Ekkonatante „malbonon", la homo komencis manĝi la viandon de urso ktp. sed lia dia deveno tion malpermesas. Kiu ajn malsatas harmonion kun Dio, kun la Naturo kun ĝiaj superaj fortoj, tiu komprenas la lingvon Edenan, kaj vivas en paco kun la besto. Tiu sentas ĝisfunde la kruelecon de ĉia mortigo, tio estas, ke ni mortigas la beston por ĝui ĝian viandon, kaj tiu sentas, ke feliĉo neniam revenos al nia mondo dum tiu homa kutimo.

Vivi en paco kun Naturo kaj besto — tio ne estas neeblaĵo. Ju pli proksime ni vivas al Naturvivo, des pli ni sentas ĝian sanktecon, kaj estas neeble manĝi ion alian ol tion, kio estas por manĝado destinita de la Kreinto. Tiamaniere ni povas regajni Edenon por nia koro, kvankam en la ĉirkaŭa mondo ĝi ne ankoraŭ ekzistas.

Benu Dio ĉiun kreitaĵon. Tio estas orienta preĝo Ĉu ni ankaŭ povas preĝi tiavorte, se ilia viando servas kiel nia nutraĵo? Ni NENIAM venkos la mortigon, la militon, se en la koro vivas la bezono mortigi. Kaj kvankam ne ni mem mortigas, tamen pro nia bezono mortigas la buĉisto Puran pensadon ni bezonas. Tia pensado venas al ni admirante la belan puran pentraĵon en la Pariza Muzeo: La Source (la Fonto). La pura akvo malsuprenfluas el la kruĉo de tiu perfekta virino Edena. For ĉia ideo malpura, ĉar estas nur Ĉiela estaĵo rigardante en la profundon de la homa animo.

Tion pripensante ni komprenas, ke servado estas la Dia postulo, vera amo, kaj kie ajn Naturo homa ĝin montras, tie ni alproksimiĝas al Eden, al Paco, al la Regno de Vero.

Bergen op Zoom, Somero 1933a.

Pastro H. de Jonge.

---

## Respondoj, informetoj, petoj kaj deziroj.

*Represo kaj Traduko* el ni bulteno estas permesata, eĉ dezirata kondiĉe, ke la „Vegetarano" estu citata kiel fonto.

*Esperantaj kaj Parenccelaj Gazetoj* bonvolu publikigi la novan adreson de nia bulteno al siaj legantoj! Nia bulteno jam aperas en la 16a jarkolekto; ĝi do ne estas unu el la efemeraj eldonaĵoj, sed havas firman bazon, kvankam, kiel ĉiu etika movado, ĝi devas batali por sia ekzisto.

*Ne sendu* por recenzo librojn kaj eldonaĵojn, kiuj ne rilatas al la specialaj celoj de nia movado. Por recenzoj servu la ĝeneralaj esperantaj gazetoj!

*Ne estas eble al la redaktanto,* doni individuan respondon al ĉiu letero aŭ poŝtkarto ricevita.

*Malnovajn numerojn* de nia bulteno oni ne petu de ni; ĉar ili ne estas plu haveblaj.

*Mortis* la 30. 4. 33 unu el la plej fidelaj ano de nia VLE, sekreta supera registara konsilisto Carl Denker, Berlino W 50, Kulmbacher Str. 13. Sincerajn kondolencojn al lia edzino Martha D. Lia vivo estis sinofero kaj noblanimeco.

*Verkisto* (Berlina) el la junularmovado, konata pioniro de la vivreformo, vegetarano de pli ol tridek jaroj, donas al samideaj geviroj la eblecon, partopreni per kapitalo profitige en la realigo de novaj publicistaj planoj. Intersuloj skribu sub signalvorto „Dokumentoj" al la eldonejo Fackelreiterverlag, Berlino W 15, Bleibtreustr. 33, Germanujo.

*Bernard Shaw,* la 27-an Julio fariĝis 77 jarulo.

## Vegetaraj manĝejoj.

*Meksiko (urbo):* Comedor Vegetariano, de f-ino Maria Sonn, strato Articulo 123 ter, 3a etaĝo.

*Parizo* (vidu ankaŭ antaŭajn informojn): „Ahimsa" 3 rue Cadet, IX. Restaurant Végétarien, 41 rue Saintonge, III. „La Santé", rue Sainte-Cécile, IX (antaŭe Au Grand Soleil). Rest. Vég. 5 rue des Filles-St.-Thomas, II. „Le Tipi", 189 rue St. Honoré, I. „Pomone", 10 rue Pasquier, VIII. La latinaj ciferoj indikas la kvartalon.

*Bordeaux* (Francujo, Gironde): 5 rue Dauphine

*Prago* (Ĉeĥoslovakujo): Du vegetaraj manĝejo, de Emil Vonika, nome: Revoluční trida 7, kaj Vinohj rady, Mírové námesti 10. Du de Fr. Wolf, nome: II-Poríĉ 6, kaj II, Školská 28. „Unitaria", I. Karlova 8. — I. Konviktská 15 (ĵaŭde fermita). Vinohrady, Londynská 33 (sabate fermita). Dejvice, Kyjevská 2. La manĝejoj de Vonika kaj de Wolf estas fermitaj dimanĉe.

*Düsseldorf* (Germ.): Steinstr. 4, I. (tre bona).

*Hamburgo* (Germ.): Vegetara Gastejo „Daheim", Jungfernstieg 3, I. Fermita dimanĉe.

*Jerusalemo* (Palestino). Vegetara manĝejo King George Street.

*Bukureŝto* (Rumanujo). Vegetarana restaoracio L. Kuhne Str. Principatele Unite 32-34. „Natura" Pasaĝo Comedia.'

## El multaj landoj.

La Ligo de Socialistaj Vivreformuloj kontentige laboras. Oni aranĝis multflankajn paroladojn, ankaŭ praktikan elmontron de vegetara manĝpreparo antaŭ laboristinoj. Kelkaj kunestoj estis tre bone vizitataj, speciale tiuj aranĝitaj komune kun la virina gazeto „La Malkontentulino". Tiu ĉi revuo regule publikigas instruajn artikolojn de la ligestro D-ro Wilhelm Gutmann pri saniga vivkonduto, natura kuracmetodo k.t.p. Aperas en ĝi ankaŭ Esperantokurso de samideano Seidl, redaktanto de „La Socialisto". Samideano Nebenzahl gvidas Esperantokurson inter nudkulturanoj en Lobau, grupo „Liberaj Homoj".

**Bulgarujo.** Inter la 15-19 an de Julio, okazis en Ruse la XX-a Jubilea Bulgara Esperantista Kongreso. Ĉeestis ĉirkaŭ 40 gastoj el Rumanujo kaj post la fino de la kongreso, la partoprenintoj venis Rumajon, kie en Bukureŝto ili estis oficiale akceptitaj de la rumana oficialaro.

Post la fino de la laborkunsido de la kongreso, en Ruse je la 18-an de Julio okazis fakkunveno de la vegetaranoj. Ĉeestis 30 personoj inter kiuj Samideanino Martha L. Rooth, samideanoj I. Ionescu-Capatzana, Ivan Kotov, k.t.p.

Samideano Ivan Kotov malfermis la kunvenon parolante pri la graveco de Vegetara Ligo Esperantista kaj pri la neceseco de ĝia organo „Vegetarano", kiel interligiloj de la samideanoj dissemitaj tra la tuta mondo.

Samideno I. Ionecu-Capatzana parolis pri ĝuste nuna neceseco de nia Ligo kaj Bulteno, kiu super ĉiuj malfacilaĵoj renkontataj ĝi devas resti ĉe sia posteno. Finas per instigo ke oni abonu kaj varbu novajn abonantojn necesaj por ke ni povu antaŭenmarŝi.

*Plovdivo*, inter 3 kaj 5-an de Septembro gastigos XV-an Jubilean Bulgaran Vegetaran Kongreson; el Rumanujo ĉeestos ĉirkaŭ 25 vegetaranoj.

Ni deziras al la Kongreso la plenan sukceson.

**Germanujo.** *La Mortpuno.* Nia organo ĉiam batalis por la forigo de la mortpuno. Kiom ni en nuna epoko malproksimiĝis de la atingo de tiu ĉi celo, tion montras la sekvantaj diroj de la germana ŝtatsekretario Freisler pri la projekto de nova punplenuma leĝo:

„Rilate al la mortpuno estas malfacile kompreni, kiaj en tiuj distriktoj, kie iam validis franca leĝo, restu punmortigilo la gilotino, kiu cetere estas tute fremda al la germana popolo. Oni do forigos la gilotinon kaj same la aŭtomatan hakilon. Se la regno ne prenos alian decidon, la mortpuno estos plenumata per mortpafo aŭ per pendigo, en Prusujo per la hakilo. Cetere, tio estas la plej certa mortiga procedo, kiu neniam donis kaŭzon al kiuj ajn plendoj".

Por pensantaj kaj sentantaj homoj tiuj diroj ne bezonas komenton. Arkos.

**Rumanujo.** La lasta numere de la rumana revuo „Vegetarismul" estas dediĉita al paco. La redaktanto de ĉi-tiu revuo, samideano Ionescu-Capatzana klopodas fondi la unuan Vegetaranan kolonion en Rumanujo.

Okaze de la vizito farita de bulgaraj samideanoj en Bukareŝto, la urbestro invitis la cent vizitantojon al eskursejo Snagov kie oni oferis vegetarajn mangaĵojn speciale preparitajn por la sufiĉe multaj vegetaranoj kiuj estis inter la vizitantoj.

Samideano Dro S. O. Perper el Cahul (Basabio) festis sian 20-an jaran agadon je vegetara servo. Tiuokaze, la bulgara revuo „Vyzraĵdane" publikis en special broŝuro lian aŭtobiografion.

---

## Vegetaraj kaj parencaj eldonaĵoj

*Vida Nueva* (Nova Vivo), eldonanto Francisko P. Huber, Apartado 7110, urbo Méjico D. F. Meksikio. Jarabono 1 dol., hispanlingva monata revuo pri naturismo (vegetarismo).

*Naturisme.* Semajna revuo por la homa kulturo; eldonantoj D-roj Durville Parizo 16, Rue Cimarosa 15 bis, Francujo. Jarabono por Francujo 50, por eksterlandoj 65 ffr.

*Vivir* (Vivi), redaktanto Prof. Juan Esteve Dulin, Cangallo 2714-U. T. 47 Cuyo 2073 — Buenos Aires, Arĝentino. Hispanlingva revuo pri vegetarismo.

*Naturismo Eutrofológico* (Naturismo kun ĝusta nutraĵo) Direktanto: Jose Castro. Adreso: Colonia Vegetariana Eutrofológica TORENTE (Valencia) Hispanujo. Jarabono por Hispanujo 4 pesetas, por eksterlandoj 5 pesetas.

*Acción Naturista.* Direktanto: C. Ruiz Ibarra: Adresso: Fuencarral 130, 2' Madrid, Hispanujo. Jarabono por Hispanujo 7,50 pesetas, por eksterlandoj 10 pesetas.

*Regenaració.* Redaktanto Enrique Cortezón. Adminstrado: Raurich 14 Pral. 3-a. Barcelona, Hispanujo.

*The Vegetarian News.* Organo de la The Londonon Vegetarian Society, 8 John Street, Adelphi, London, W. C. 2, Anglujo.

*The Vegetarian Messenger and Health Review.* Oficiala organe de la The Vegetarian Society, 39 Wilmslow Road, Rusholme, Manchester, 14. Anglujo.

*Vegetarisk Tidsskrift.* Administrejo: Istedgade, 7, st, Kobenhavn V, Danujo.

*Vegetarianen.* Redaktando J. L. Saxon, Svlavägen 98, Stockholm, Svedujo.

*Vegetarische Presse,* Meisner Landstrasse 94, Dresden A. 39, Germanujo.

*The Starry Cross* (La stelumita Kruco), eldonejo 3245 Chestnut Street, Philadelphia, Penna, Usono.

*The Plan* (La Plano), de A. Rowland-Entwistle, eldonita de la Commonwealth Land Party, 43 Chancery Lane, Londono WC 2, Anglujo. Anglalingva broŝuro pri la „pozitiva forigo de deviga nelaborado kaj senvola malriĉeco" (terismo). Prezo 2 pencoj.

---

**Grava!** **Por ke ni povu antaŭen iri. Por aperi kiel 2 monata revuo, ni bezonas vian apogon! Pagu tuj vian abonon, kaj varbu abonantojn!**

„TIPARNIȚA" — București, Str. Dr. Istrate, 10